


# ZARAGOZA

Placo Paraiso; je la fono Medicina Fakultato Akceptejo kaj Kongresejo de la 28° Hispana Kongreso de Esperanto.

BOLETIN DE LA FEDERACION
ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Str. Torre Nueva, 30, 1.° ZARAGOZA

Redacción y Administración:

Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko
kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.

Ĉekkonto: n.° 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.



## De secretaría

Rogamos a todos los que deseen participar en el Concurso Juvenil de Oratoria en Esperanto, lo comuniquen a esta Secretaría o al Presidente de H. E. J. S., S-ro. Salvador Aragay. Arce, 8, 2.°, 4.ª, Cornellá (Barcelona).

Como todos sabéis, durante el Congreso ha de celebrarse la Junta General de la Federación, todo el que quiera enviar alguna sugerencia, puede hacerlo a esta Secretaría hasta el día 5 de julio lo más tardar.

Como en años anteriores, la Directiva de la Federación se ha preocupado de que no faltase matasellos especial conmemorativo del 28 Congreso Español de Esperanto, y una vez más tenemos la satisfacción de comunicar que ha sido concedido matasellos especial con motivo de nuestro Congreso. Esperamos que la noticia ha de alegrar a todos los esperantistas.

¿Habéis enviado ya vuestros «aliĝiloj» al Congreso? Pensad en el trabajo que representa la organización y podéis facilitarlo no dejando para última hora vuestra inscripción; contad con que hay que preparar alojamiento para todos, cosa no fácil en Zaragoza.



## deziras korespondi...

ĈEĤOSLOVAKIO. — Paskov, Mistecka ul.c.499, S-ro. Frantisck Straniánek, deziras korespondi kun hispana samidean(in)o.

ĈEĤOSLOVAKIO. — Ostrava - Zabrek, Zavodni 153, S-ro. Ivo Mokrós, 28 jaraĝa deziras korespondi kun hispana samidean(in)o kaj interŝanĝi diversajn esperantaĵojn.

POLLANDO. — Zawidów, str. Dworcowa 4/2, pow. Luban, S-ro. Komicz Maksymilian 19- jara teknikisto deziras korespondi pri filatelio kaj lingvo.

Mendu jam:

- Poŝtkartojn kaj glumarkojn de nia XXVIII^a Kongreso de Esperanto.
- Poŝtk. 2 ptoj. po ekz.; Glumark. 1,50 folieto.
- Poŝtk. la J. I. K—alegorio, 6 ptojn. deko.
- Kovertojn kun la teskto «Esperanto la Lengua Internacional». 5 ptojn deko

# La Homa Elemento

Por tiuj kiuj priatentu ne nur la regionojn, la pejzaĝojn kaj monumentojn, sed ankaŭ la homan faktoron, Zaragoza estas en la kerno de interesa proceso, pri la influo de la montara esenco sur la fundon de la valoj kaj urboj. Ekde la Rekonkero, gentoj de la Pirineo, bearnanoj, gaskonoj kaj navaroj, sobraj kaj harditaj, serĉis la riĉecon de la legomejaj kaj manlaborejaj urboj, kaj periode tiu alveno de montaranoj ripetiĝadis. Tiamaniere en la krisolon de la Ebro-valo daŭre estas ŝutiĝintaj la homaj tipoj kaj kulturaj elementoj de plej diversa deveno kaj sekve grupiĝadis sincera, agadema, saĝplena tipo kun granda politika kapablo. Ĝenerale oni aplikas la samajn konceptojn al la tuta Aragón; kvankam ĝi estu ankoraŭ freŝa por formi geografian aŭ etnografian unuecon, oni devas ĝin konsideri kiel historian kaj politikan konsistaron. Al Zaragoza korespondis sendube, esti la ordiganto de tiuj ĉi historipolitikaj faktoroj kaj la marĝenoj de la provinco altiras la najbarajn, krom kelkaj partoj de la Suda Ebro. La kontakto kun Kastilio starigis ke historie, la aragonano ricevu la kastilian parolformon, moderigita de multnombraj aragonismoj, partikulara idioma kvalito de izolitaj vilaĝoj, kaj kataluna influo sur la limoj de Tarragona kaj Lérida. La morliteraturo de la XIX[a] jarcento estas konstruinta la regionan hispanan koncepton kaj ne malofte kun malfavora karaktero. Fakte, la radikoj de tio, kion oni kutimas nomi la aragonan karakteron konvenas sufiĉe bone al la tuta loĝantaro de la seka, mediteranea Hispanio, kies etnologia komuneco estas senduba. Estas akceptebla la aserto de Gracián parolante pri aragonanoj: «Bonaj personoj, sen mensogo, hipokriteco nek ĉikano. Fortaj, diskretaj, pripensemaj kaj suferaj»...

La agrikultura vivo, la krudeco de la klimato kaj, foje, la malriĉeco, forĝas la moderemon kaj sobrecon; se tiaj vivkondiĉoj ne produktas spritan homon, ili transdonas al li ruzecon kaj lertecon. Madoz kiu loĝis dum multaj jaroj en Zaragoza, rekonis al ĝiaj homoj, naturan viglecon, penetreman imagon kaj solidan juĝon. Li ne multe parolas kaj defendas firme sian opinion. Laŭdas sian landon ĝis la hiperbolo; la plej malgranda kontraŭstaro ardigas lin, ne konas siajn proprajn difektojn kaj malofte konfesas tiujn de siaj samlandanoj. Natura aroganteco, serioza sinteno, malvarmaj manieroj, akra tono estas korektitaj de prudento kaj meditado, solida juĝo; rekta sento; li estas atenta kaj modera...» Certe ke multaj el tiuj virtoj, troigitaj, povas okazigi la karikaturon, kie la karakteroj estas la obstino, la nobleco kaj ia vilaĝana naiveco, kiujn Julio Cejador eksplikis tiel. «Neniam servhumila, amiko de la egalrajto, lojala kaj verdirema, sendependa kaj digna ĝis ŝajni malmilda kaj persistema.

*Fernando Solano*



# 53.ª Universala Kongreso de Esperanto

*Okazonta en Madrid de la 3ª ĝis la 10ª, VIII, 1968*

*Sub la Alta Protektado de Lia Ekscelenca Moŝto*

*Ĉefgeneralo Franco, Ŝtatestro de Hispanujo*

Konstanta adreso:
Nieuwe Binnenweg 176
ROTTERDAM - 2 (Nederlando)

Poŝtkesto 19030
MADRID (Hispanujo)

*LOKA KONGRESA KOMITATO*

Prezidanto: D-ro. Miguel Sancho-Izquierdo; Vicprezidantoj: D-ro. Rafael Herrero Arroyo, D-ro. Jesús Liaño Pacheco; K. K. Sekr-o: S-ro G. G. Pompilio; Sekretariino: F-ino. Inés Gastón; Protokolsekretario: S-ro. Manuel Martín Gómez; Kasisto: S-ro. Manuel Figuerola Palomo; Informado enlanda: S-ro. Angel Figuerola Auque; Informado Esperanta: S-ro. Julio Juanes Sainz; Ekskursoj: D-ro. Santos P. Arranz; Loĝiga servo: S-ro. Félix Gómez Martín; Infana Kongreseto: F-ino. Visitación Martín Gómez; Junularaj aranĝoj: S-ro. Pedro Hernández; Artaj aranĝoj: S-ro. Antonio Moya Casado; Komitatanoj: S-roj. Miguel G. Díez Díez, Raimundo Ibáñez, Tomás Ortiz.

## PREMIO «COMELLA - BASSOLS» - NAŬA KONKURSO 

*Oni ricevos 2.000 pesetojn por la plej bona gaja rakonto en Esperanto*

*Generalaj reguloj*

1.ª La konkursaĵoj havu la amplekson de po 2000-3000 vortoj.

2.ª La konkursaĵoj nepre estu tajpitaj, kaj oni sendu 4 ekzemplerojn.

3.ª Oni skribu sur ĉiu rakonto pseŭdonimon por kaŝi la identecon de la aŭtoro, kaj —en aparta koverto— sian nomon kaj adreson kune kun la pseŭdonimo.

4.ª La Juĝanta Komisiono, laŭ testamento de Sro. Jacint Comella, (kreinto de la Premio) konsistas el eksterlandaj samideanoj, membroj de U. E. A. kune kun katalunaj juĝantoj.

5.ª La konkursa kotizo, por unu au pluraj rakontoj, estas 10 pesetoj por Hispanio, kaj 4 steloj aŭ 3 respondkuponoj por eksterlando. Por landoj kie ne estas eble sendi la kotizon, la partopreno estas senpaga.

6.ª Kiam publikiĝos la Verdikto, samtempe estos sciigata la koncerna Juĝantaro.

7.ª La limdato por la ricevo de Konkursaĵoj estas la 31ª de Aŭgusto de 1967.

Oni sendu ĉion laŭ la jena rekomendo:
Por la Konkurso COMELLA-BASSOLS
Sro: Francesc Vilá — Sekretario
Klubo Amikoj de UNESCO
Lauria, 12, 1.ª
BARCELONA - 10
Hispanio.



# Saluto!!



Al la bela Zaragoza,
al la urbo grandioza,
al vi, homoj bonfaremaj,
tre deziras mi dankema
samidean' en Stirio,
ke la granda bona Dio
benu vin kaj urbon vian.

La rilaton harmonian
kiu niajn grupojn ligas,
kaj nin vere kontentigas
pli firmigu ni laŭpove.

Nun salutas vin denove
kaj la urbon sen komparo
nia samideanaro.

*Dro. Karl Friedl*
*Graz*

# KOMUNIKO DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO

*Sekcio de la Ĝenerala Vortaro*

La Akademio aprobis la ideon de starigo de «*Baza Radikaro Oficiala*», kies celo estas aparte proponi la vulgaran aŭ lernolibran vortprovizon, tiel ke laŭeble «la vortaro de la lernolibroj fariĝu tute unueca, kaj ĉiu povu certe scii, kian vortkonon oni povas supozi ĉe iu, kiu ĉerpis sian konon sole el lernolibro».

Tiu baza Radikaro Oficiala estos ellaborita en la venontaj monatoj surbaze de projekto, kiu entenas proksimume 2.500 radikojn kaj elementojn, dividitajn en naŭ grupoj de ofteco: de la unua grupo de plej oftaj elementoj ĝis la naŭa kun relative malpli oftaj radikoj kaj elementoj.

*La Direktoro de la Sekcio pri la Ĝenerala Vortaro*, Dro. A. ALBAULT. — *La Prezidanto de la Akademio*, G. WARINGHIEN.

# MALMORALA RAKONTO

JACINTO BENAVENTE

*Monologo (al la publiko)*

Kia malfacila situacio! Estas tagoj en kiuj viro sin sentas kapabla agi plej maltime, kaj nenio ŝajnas al li neebla. Kaj okazas ke mi estas tia: estas du vortoj kiuj ribeligas min, ekbruligas mian sangon kaj min devigas senti min kapabla al ĉio: la vorto malfacile kaj la vorto neeble. Sufiĉas ke iu diru pri io antaŭ mi: estas malfacile, estas neeble, por ke mi tuj respondu: Nenio estas malfacila, nenio estas neebla; mi faros tion; mi ĝin faros; oni diskutadas, estas vetoj... mi min vidas devigita defendi ilin... kaj jam mi estas en embaraso... Kaj la nuna estas eta. Imagu ke iu min diris hieraŭ: Ci kiu havas multe da simpatio de la publiko, sufiĉan influon kaj grandan babilecon, t. e. senĝenon; nu, mi vetas ke ci ne kuraĝos cin prezenti al la publiko kaj rakonti al ĝi unu rakonton... unu rakonton malmoralan, unu el tiuj rakontoj kapablaj, laŭ frazo ĉiekonata, ruĝigi ĝendarmon. Mi ne scias kia motivo povas ekzisti por ke la ĝendarmaro estu de la honto pli neatingebla ol alia armita institucio; sed okazas ke la ĝendarmaro kaj limgardistoj ĝuas tiun privilegion. Sed ni ne distriĝu. Ĉu malmoralan rakonton? Neeble! ekdiris kelka: jam antaŭe ni diris ke la vorto neeble havas la privilegion ekbruligi al mi la sangon. Ne estas io neebla. Kaj mi restis en promeso rakonti la rakonton. Kaj kia rakonto! Ĝi estis balote elektita en kafejo de kelnerinoj; la kelnerinoj partoprenis la baloton kaj ilia voĉdono decidis la rezultaton... Kia rakonto! La kompatindaj knabinoj ĝin konis nur por la titolo, kaj la titolo erarigis ilin. (Ĝi ne estas la unua por ili erariga titolo). Ĝi estas titolo tiel ĉasta... ĝi ŝajnas de infana rakonto... sed, jes, bona estas la rakonteto... Ja vi pridiros al mi: ĝia sola rememoro ruĝigas min... Sed nenio estas neebla. Malfacila, jes; kontraŭvole mi devas konfesi ke estas io malfacila, kaj la nuna estas unu el la malfacilaj aferoj. Ja ni scias ke vi certe kredas ke mi ne kuraĝas rakonti la rakonteton; tial vi estas tiel trankvilaj kaj sidantaj, ne pretiĝinte foriri el la teatro, dirinte al mi ion... Sed, vi ne min konas. Vi ne scias kiel la vorto neeble ekscitas miajn nervojn: ĉiuj oranĝfloroj el la mondo ne sufiĉus por trankviligi ilin, same kiel ĉiuj oranĝfloroj el la mondo ne sufiĉus por doni al mia rakonto ĉastan aspekton. Mi rimarkas ke vi ekseriozigas; vi ektimas ke mi estu kapabla al ĉio. Trankviliĝu; mi rakontos la rakonton, ne pridubu; sed mia veto ne nur estas rakonti ĝin, sed ankaŭ ke vi ĝin aŭskultos; ĉar, ja, rakonti en izoleco ne estus malfacile, kaj mi jam diris ke la vorto malfacile min incitegas tiom kiom la vorto neeble.

Por ke vi min aŭskultu, mi devas rakonti la rakonton iamaniere... Tio estas la malfacilaĵo; sed ne la neeblaĵo. Mi rimarkas ke vi jam estas trankvilaj; eble vi pensas ke, resume, la rakonto havos nenion rimarkindan... Ha! La rakonto estas timinda; kapabla ruĝigi (malplaĉegas min la ĉiekonataj frazoj) kapabla ruĝigi sidordigiston de l' Nuna Salono. Kiel rakonti ĝin evitante ke la aŭdantinoj amase stariĝu (por foriri) kaj ke la sinjoroj, pro ĝentileco, ne sin kredu devigitaj akompani ilin... kaj ke mi restu sola, sola antaŭ la sidordigistoj, kiuj ne estus tiel strangaj al ruĝiĝo kiel tiuj de la nomita Salono, kutimitaj al gajaj dancoj kun ĉiuj iliaj detaloj? Nu; mi rakontos la rakonton, kaj mi ĝin rakontos tiel ke nur de vi dependos la malmoraleco. Se vi kondutos dece, se vi scios protesti je la oportuna momento, la malmoraleco estos novelo de la ROZKOLORA Biblioteko estos malaperinta kvazaŭ magie kaj iu ajn Bokaĉa rakonto kompare al la nia... Kaj jen la rakonto.

Estis geedza paro, konsistanta, kiel la pli granda nombro el la geedzaj paroj, el unu edzino, unu edzo kaj unu... (jam vi antaŭpensas suspekte; ja mi diris ke de vi dependas ĉio). El unu edzino, unu edzo kaj unu infano malmultmonata, tre malmultmonata. Kiel en ĉiuj tiaj paroj, la edzino tute ne amis la edzon... Ĉu vi kredas tiun ĉi certigon tro ĝenerala? Nu; mi subtenas kaj rejesas ĝin. Ĉu vi volas pruvon?... En tiu ĉi momento mi estas certa pri tio ke min aŭskultas sennombre da edzinoj... Se estas unu, unu, kiu amas sian edzon, mi petegas ŝin ke ŝi stariĝu kaj ke ŝi diru tre laŭte tion: Mi amas mian edzon (Paŭzo). Ĉu vi vidas? Nek unu! Ja mi diris al vi ke de via sintenado dependus la malmoraleco de la rakonto. Ĉu povas esti io pli malmorala ol ne trovi en amaso da edzinoj eĉ unu kiu amas sian edzon? Mi gajnis mian veton. Kaj mi estas nun kiu foriras indigniĝite.

*El hispana lingvo tradukis,*

† *EMILIO GASTON*

Januaron de 1912ᵃ.

# Ĝenerala historio de Moulins des Apprentis

Ĉio komenciĝis, kiam s-ro Charles Chareille aĉetis ruiniĝintan akvomuelejon en Piot, Francujo, en la valo de la rivereto Creuse. Malofte tie venis homoj; la regiono, arbareca kaj monteta, estis trankvila, kvazaŭ forgesita de la mondo.

Kun du amikoj Chareille komencas restarigi la malnovan muelejon. Storeĉa laboro, ĉar ĉion la viroj devas porti surdorse el la valo. En la regiono oni kompate mokas la tri amikojn.

Tamen, kiam la ferioj alvenas, 17 lernantoj aperas ĉe la Muelejo de Piot. «Ili sendube atendis ripozigajn feriojn», rakontas s-ro Chareille. «Kiam ili unuafoje vidis la kadukiĝintan muelejon, multaj havis nur unu deziron: forfuĝi! Sed post du semajnoj la situacio inversiĝis: ili preskaŭ ploris je la ideo de foriro. Ili spertis la kontenton, se homoj komune konstruas ion valoran.»

Jam baldaŭ la Muelejo de Piot montriĝas tro malgranda por ĉiuj: oni trovas pliajn en la regiono. Ili ĉiuj estas pli-malpli ruinoj; oni devas rekonstrui ilin, alkonstrui ejojn. «Ĉiuj junuloj venintaj al la Muelejo laboris», diras s-ro Chareille, «la laboro ne estas deviga, certe, sed neniu iam rifuzis.»

La taskoj ofte estas pezaj, ĉar la tereno estas neebena kaj la transportvojoj primitivaj. Por konstrui la grandan domon de Piot, oni devis eksplodigi 800 m³ da granito. Tamen, ankaŭ en mastrumaj kaj administraj taskoj volontuloj helpis, ĉiu laŭ sia preteco kaj kapablo.

Ĉiujare pliaj miloj da volontuloj, de ĉiuj nacioj, religioj, lingvoj, aĝoj, emoj, aldoniĝis al la «rondo de amikeco». La laboro plektis ligojn, kie antaŭe estis retenemo kaj indiferento. Junaj hispanoj konstruis kun junaj jugoslavoj la pavilonon de Jugoslavio per feliĉe trovita konstrumaterialo: telegraf-palisojn superfluajn. La pavilono de Esperanto, kiu «gardas» la alirvojon al la Muelejo de Piot, estas sammaniere konstruita. Nuntempe jam ekzistas 18 muelejoj en Francio, Germanio, Jugoslavio, Kameruno, Maroko.

*Mda kaj Esperanto.* — Jam delonge s-ro Chareille agnoskis la praktikan valoron de Esperanto kiel kontakt-lingvo por la miloj de diversnaciaj volontuloj. Foje eĉ okazis kursoj. Broŝuroj en Esperanto estas aĉeteblaj ĉe la Muelejo, Piot (Creuse), Francio. La revuo de la asocio regule publikigas artikolojn en kaj pri Esperanto.

En 1966 TEJO organizis sian unuan eksperimentan, intensan kurson en Malval. En 1967 la kursoj okazos denove, en Piot kaj se eble en aliaj muelejoj, dum kiel eble plej multaj semajnoj. Tio dependas de la nombro de esperantistoj, kiuj, partoprenante la vivon de la muelejoj kiel la aliaj volontuloj, laboros parte kiel instruantoj de Esperanto. Dum kelkaj horoj tage ili instruos per laŭeble efikaj metodoj, kantigos, ludos, kaj tiel klopodos atingi, ke fine de dusemajna periodo la lernantoj jam baze interkompreniĝas per Esperanto. Por ĉiu dusemajna kurso estu instruanto, amuzanto (gitarludanto aŭ sim.) kaj helpanto, do triopa ekipo. La restado ne estas senpaga; ĝi kostas 8-10 FF tage. Pliajn informojn, dokumentojn ktp. volonte sendos H. Bakker, Kastelenstr. 231, Amsterdam-Z, Nederlando.

---

INTERNACIA AMIKA RENKONTIĜO

Okazonta en Jihlava — Ĉeĥoslovakio
de la 16ª ĝis la 19ª julio 1967

*TURISMO -- PASPORTO POR LA MONDPACO*
*ESPERANTO -- PASPORTO POR INTERKOMPRENIĜO*

---



# Homoj kaj faktoj

## Dro. D. Rafael Herrero

*Prezenti Dron. Herrero al niaj legantoj estas ne necese.*

*Ni ĉiuj scias kiel lerte kaj trafe Don Rafael gvidis la destinon de nia Federacio dum tempoj malfacilaj, kiel li kontribuis levigi la estimon de esperanto en nia lando kaj kiel sindone li dediĉis kaj dediĉas sian valoran tempon kaj personecon al nia movado.*

*HOMOJ KAJ FAKTOJ sin honoras per respondoj de Dro. Don Rafael Herrero al niaj demandoj.*

—Dro. Herrero, ek de kiam ĝis kiam vi prezidis la Hispanan Esperantistan Federacion?

—De la jaro 1954 en la 15ª Kongreso de HEF, en Zaragozo, laŭ propono de nia bedaŭrata Ludoviko Hernandez, ĝis la jaro 1962, en la 23ª Kongreso, en Valladolid.

—Kiel vi trovis esperanton en nia lando je via prezidantiĝo?

—Pro diversaj kialoj, la tiama movado disvolviĝis ankoraŭ en timema medio. La nunaj cirkonstancoj estas pli favoraj al la propagando kaj disvastigo de nia kultura afero.

—Kiu estis via ĉefa celo dum la tuta tempo?

—La ĉefa celo de niaj penoj —mi diras «niaj», ĉar mi ĉiam laboris en perfekta harmonio kun la ceteraj estraranoj kaj direktantoj de la diversaj grupoj— estis la kuraĝigo de ĉiuj rimedoj por disvastigi nian lingvan solvon, kaj, ne malpli, la pruvado de nia kompleta neŭtraleco pri politikaj, sociaj kaj diverstendencaj aferoj.

—Ĉu viaj deziroj kaj iluzioj realiĝis?

—Plejparte, jes.

—Ĉu vi trovis bonan kunlaboron inter Esperanto-grupoj kaj esperantistoj ĝenerale?

—Kompletan kaj idealan, kaj pri tio, mi dankis kaj daŭre dankas, ĉar tial nia laboro sukcesis esti taŭga.

—En kia stato troviĝis la movado en nia lando, kiam vi ĉesis esti prezidanto?

—Unuflanke, tre kontentiga, pro la alta konsidero de aŭtoritatuloj, gazetaro kaj ĝenerala publiko por nia afero: aliflanke, la kreskanta ondo de materialismo kiu superfluas ĉiujn aktivecojn, ĉefe, en la junularaj medioj, multe pensigas pri la kontraŭstaroj, kiujn ni devas trovi en la estonto.

—Kiel vi vidas Esperanton en Hispanio nuntempe?

—La konscio pri la egaj baroj, kiujn ni devas trovi sur nia vojo, devas veki ĉe ni la neskueblan decidon por tuteca sindonemo al esperantismo. La konstanta kaj trafa agado de niaj estraranoj kaj la vigla agado de la esperanta junularo aŭguras la alvenon de pli bonaj kondiĉoj, se ni ĉiuj, en kompleta kuniĝo, se fendoj nek dissplitiĝoj, daŭre strebas por atingi la dignan podion sur kiu devas situi la hispana esperantismo.

—Kaj kiel vi vidas esperanton en la mondo?

—La ĉefaj malamikoj de esperanto, en la tuta mondo, estas: materialismo kaj egoismo. Pro la unua, oni nur volas lerni tion, kion oni taksas esti produktodona, kaj, pro la dua, ĉiuj deziras ke sia lingvo estu la proklamata internacia. Por ke estu konscia kaj pristudita decido por internacia lingvo, ĉiuj devus rezigni pri egoismaj interesoj, kaj ni bone scias kia estas la sinteno de la internaciaj instancoj, eĉ pri bagatelaĵoj. Tamen, Esperanto devas esperi ke, de la profundeco kaj denseco de la marĉo en kiu, pli kaj pli, dronas la lingva ĥaoso, naskiĝu la saviga tabulo al kiu ĉiuj, senescepte kaj senhezite ,alkroĉiĝu. La nuntempa kreskanta atomiĝo de la uzataj lingvoj preparas la grundon por ke Esperanto estu la saviga tabulo por la tuta homaro.

—Sendube, Don Rafael, ĉiu aktiva esperantisto rikoltas ĝojon kaj malĝojon el sia laboro. Kiu estas via sperto tiurilate?

—Kiam oni laboras por idealo oni nur trovas ĝojigajn rezultojn, ĉefe, se oni konsideras ke la direktado de nia granda rondo familia estas, preskaŭ ĉiam, granda plezuro. Mi ĉiam trovis aprobon kontentigan kaj pardonon por miaj eraroj aŭ mankoj. Foje, estis malĝojoj, ne gravaj, kaj ĉiam facile solvitaj kaj pardonitaj.

—Kaj nun, nia lasta demando. Kion vi konsilas al la hispanaj esperantistoj, fronte al la Universala Kongreso okazonta en Madrido en 1968?

—La Estraro de la Federacio pensis, tre trafe, ke tio estos la granda oportunaĵo por antaŭenpuŝi Esperanton en nia lando. Tial ke ni estas enŝipigitaj en tiu afero, ni blovu forte, plenspire, en ĝiajn velojn; ke ĉiu sin konsideru kiel la plej necesan personon por ke la ŝipo alvenu bone kaj triumfe en la havenon.

*Demandis JES*

---

*ESPERANTISTA KULTURA FESTIVALO*

*okazonta en Opava de la 7ª ĝis la 10ª julio 1967. Organizita de Esperanto-ronde to de Uzina Klubo Ostroj, Opava sub aŭspicioj de Ĉeĥoslovaka Esperanto Komitato*

1967 estas la centjara datreveno de naskiĝo de PETR BEZRUC; datreveno envicigita de U.N.E.S.C.O. inter tutmondajn kulturajn datrevenojn de 1967.

La esperantistoj de Opava, naskiĝurbo de poeto PETR BEZRUĈ, organizis Esperantistan Kulturan Festivalon por omaĝi la poeton kaj konigi al la tutmonda esperantistaro lian verkon.

Krom la invito kaj programo de la Festivalo, ni ricevis de Esperanto-rondeto de Uzina Klubo Ostroj, Opava, broŝuron «PETR BEZRUĈ» kun tradukoj de J. Korinek kaj R. Hromada, kaj faldita turisma informilo en Esperanto, OPAVA kaj ĉirkaŭaĵoj, dukolora tre bele prezentita.

# KIO ESTAS AGADO $E_3$?

*Ĝi signifas*: *«Esperantistoj Esperigas Esperantojn».*

Nia mondo nombras ĉ. 15.000.000 blindulojn, el kiuj ĉ. 10.000.000 estas *nenecese* blindaj. Ili loĝas ĉefe en Afriko. Nesufiĉe estas konate, ke la plej multaj el ili povus vidi, se oni povus doni la necesan helpon pere de operacio aŭ medikamentoj. Sed tio kostas monon, multan monon. Estas kulpigo kontraŭ «nia» civilizacio, ke milionoj da blinduloj restas blindaj pro manko de helpo.

La famkonata okulkuracisto Prof. d-ro. H. J. M. Weve, kiu ankaŭ ekster la nederlandaj landlimoj akiris reputacion, vizitis Afrikon antaŭ kaj post la dua mondmilito. Lin tiom trafis la multaj suferoj, kiujn li vidis, ke li kun kelkaj amikoj pripensis planojn por organizi helpkampanjon. Pro sia morto en 1962 li ne povis realigi ilin, sed liaj amikoj daŭrigas lian laboron pere de institucio en Wassenaar, portanta lian nomon, kiu celas okulkuracan helpon al blinduloj en afrikaj landoj evoluantaj.

En la somero de 1965 d-ro L L. H. Sampimon, nuna prezidanto de la Prof. Weve Institucio, faris orientiĝan vojaĝon al diversaj afrikaj landoj, i.a. Kenio, Tanganjiko kaj Ugando. En Afriko li interkonsiliĝis kun la aŭtoritatuloj, por ke la helpo atingu la plej bonajn rezultojn. D-ro Sampimon venis al la terura konkludo, ke unu el ĉ. 60 homoj en Kenio estas blinda kaj ke unu el ĉ. 160 homoj estas blinda pro katarakto. Laŭ ĉi tiu specialisto 80 % el ili estas *nenecese* blindaj, ĉar oni estis povinta preventi ilian blindecon aŭ povas nun kuraci ĝin.

Dum vizito al gento Masaj'a montriĝis, ke la tuta loĝantaro suferas pro trahomo (infekta okulmalsano), kiu sen kuracado ofte kaŭzas blindecon. La nombro da okulkuracistoj en la diversaj landoj estas bedaŭrinde malaltega, kio estas granda problemo.

Dum sia vojaĝo D-ro Sampimon havis la privilegion revidigi plurajn blindulojn pere de simpla operacio. Kiam li laboris ĉe la gento Masaj'a, la rektaj kostoj de unu katarakta operacio estis malpli ol dek «steloj» (ned. guld. 2,50)... Per tia monsumeto malfeliĉa homo fariĝas iu, kiu povas perlabori sian panon! Ĉiu el ni havas la moralan devon kolekti la necesan monon. Nur tiam ni povos grandskale prezenti helpon al tiom da nenecese blindaj homoj! Estas okulkuracistoj en Afriko, kiuj faras 50 kataraktajn operaciojn en unu horo... El ĉi tiuj 50 pacientoj estas almenaŭ 49, kiuj post la operacio kapablas kulturi siajn kampojn kaj prizorgi sian brutaron!

En ĉi tiu monato ni memorigos je la 14-a de aprilo la 50-jaran datrevenon de la mortotago de d-ro L. L. Zamenhof. Ĉiu esperantisto scias, ke li, la pola okulkuracisto, prefere helpis malriĉajn pacientojn. Li ofte faris tion senkoste. Opiniante, ke la idealo de la Prof. Weve Institucio estas simpatia en la vidantaj okuloj de ĉiu vera adepto de *nia* okulkuracisto, mi venis al ideo, kiun mi unue proponis al la membraro de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista. Ĉar jam envenis multaj mondonacoj de esperantistoj nekatolikaj, mi ne povas plu paroli pri «kampanjo de I.K.U.E.», sed temas nun pri agado de la tuta esperantistaro.

La kostoj de unu katarakta operacio sumas ĉ. ned. guld. 2,50. Ĉu estus eble, ke ĉiu esperantisto pagus almenaŭ unu operacion, ekzemple kiel dankesprimon honore al d-ro Zamenhof?

Jacques Tuinder,
Van Hulststraat 1,
TER APEL (Gr.) Nederl.



*Kiam la estraro de H.E.F. konis la supran artikolon, kiu aperis en NEDERLANDA ESPERANTISTO, plene konsentis kun s-ano Tuinder kaj decidis honori D-ron Zamenhof okaze de la 50ª datreveno de lia morto, pere de donaco al la Prof. Weve Institucio.*

## ZARAGOZA

La 14-an de aprilo la tri radiostacioj el Zaragoza kaj la tri lokaj ĵurnaloj dediĉis dissendojn kaj artikolojn al D-ro. Zamenhof kaj al Esperanto.

La 15-an de aprilo, la Esperanto Societo FRATECO organizis memorigan kunvenon.

D-ro. Sancho Izquierdo Prezidanto de H. E. F. kaj de Frateco, parolis al la ĉeestantoj pri D-ro. Zamenhof, nia Prezidanto, rememoris lian emocion, kiam li konis al la Majstro okaze de la 5.ª U. K. de Esperanto okazinta en Barcelona je la jaro 1909ª, kaj rakontis interesajn anekdotojn pri lia longa esperantista vivo. Fine kuraĝigis nin por ke nia laboro estu fruktodona kaj petis ĉies kunlaboron por la sukceso de la 28ª Hispana Kongreso de Esperanto, okazonta en Zaragoza ĉijare kaj por la sukceso de la 53ª U. Kongreso de Esperanto okazonta en Madrid venontjare.

La H.E.F.-Sekretariino legis la artikolon «Kio estas agado E3?» kaj komunikis la decidon de la estraro. Unu el la ĉeestantoj sugestis organizi kolekton por ke ne nur H. E. F. kiel asocio sed ankaŭ la Grupoj kaj unuopaj esperantistoj povu pli facile partopreni la Agadon E3 pere de iliaj donacoj. Ĉiuj konsentis kaj Frateco donis 300 ptjn. por komenci la kolekton.

Post la aŭdado de HO MIA KOR' kaj LA ESPERO, la Prezidanto fermis la kunsidon.

| | | | |
|---|---|---|---|
| FRATECO Esp. - Societo . | Zaragoza | 300 | ptas. |
| María Casanovas . . . | Zaragoza | 50 | " |
| E. Gastón . . . . . . | Zaragoza | 50 | " |
| I. Gastón . . . . . . | Zaragoza | 50 | " |
| M.ª P Gómez . . . | Zaragoza | 50 | " |
| Emilio Gastón . . . . | Zaragoza | 50 | " |
| J. Clariana . . . . . | Zaragoza | 50 | " |
| Victoriana Bueno . . . | Zaragoza | 25 | " |

Ĉi tiu kolekto estos fermita de H. E. F. pere de ĝia donaco la 22-an de julio 1967.

## LA LAGUNA

*50ª datreveno de la morto de D-ro. Zamenhof*

La Katedro de Esperanto en la Universitato de La Laguna (Kanariaj Insuloj), en kunlaboro kun la Esperantista Societo de Tenerifo, organizis omaĝon al la iniciatinto de la Internacia Lingvo, la 14an de aprilo, kiam plenumiĝis 50 jaroj de lia forpaso en Varsovio en 1917. La omaĝo konsistis je publika prelego pri la vivo kaj verko de D-ro. Zamenhof, kiun faris la direktoro de la citita Katedro Prof. J. Régulo; ĝin sekvis viva dialogo inter la preleginto kaj la ĉeestantoj, kiuj eliris plene kontentaj de la aranĝo. La prelego okazis en unu el la klasejoj de la Filozofia kaj Literatura Fakultato, komplete plenigita de simpatiantoj kaj interesitoj pri Esperanto.

## *HISPANA ESPERANTO AŬRORO*

El Secretario de H. E. A., Sr. Osuna, leyó el día 24 de abril en Radio Nacional de España, a las 6,05 de la tarde, en el espacio radiofónico llamado «Revista», un artículo titulado «En torno al Esperanto», con motivo del 50 aniversario de la muerte del Dr. Zamenhof.

El 14 de abril, el DIARIO DE BARCELONA publicó un artículo del Dr. de Urmeneta, titulado «Cincuentenario esperantista».

El diario REGION, de Oviedo, el día 23 de abril publicaba un artículo titulado «50 años después» y firmado por Instruisto, en Sama de Langreo el 14-4-1967.

# BARCELONA

*Omaĝe al D-ro. Zamenhof*

Okaze de la 50-a datreveno de la morto de la aŭtoro de Esperanto, la 15-an de aprilo en Barcelona okazis simpatia festo organizita por la Sekcio-Esperanto de la Klubo Amikoj de UNESCO.

Ĝi okazis en la salono NIA NESTO, en agrabla kvartalo de la urbo.

Prezidis Profesoro J. C. Serra Ráfols, Prezidanto de la Klubo Amikoj de UNESCO kiu malfermis la kunvenon pere de bela parolado pri la internacia lingvo. Poste, tre elokvente parolis S-ro. M. Buscató kiu akcentis la motivon de la festo. Sekvis brilega deklamado fare de nia kara poeto S-ro. F. Vilá kiu prezentis belajn poeziojn en la lingvoj kataluna, hispana kaj Esperanta.

Fine, S-ro. R. Molera faris prelegon pri vojaĝo al Budapeŝto okaze de la Universala Kongreso de Esperanto. La prelego estis ilustrita per koloraj diapozitivoj kaj la ĉeestantoj atente sekvis la klarigojn pri la vojaĝo.

Kiel konkludo, S-ro. Buscató, filo, klarigis la celojn de la kultura asocio kie okazis la kunveno, kies nomo estas NIA NESTO, kaj oferis la sidejon al ĉiuj.

La preskaŭ cent ĉeestintoj al la kunmemoro restis tre kontentaj de la inda omaĝo al D-ro. Zamenhof.



Parto de la ĉeestintoj al la Festo en NIA NESTO

LA ORGANIZACION NACIONAL DE CIEGOS
EN RECUERDO A D. JOSE EZQUERRA BERGES

Con este título la O.N.C.E. ha editado un interesante opúsculo, fiel reflejo de lo que fue la vida de aquel gran hombre que tuvimos la dicha de contar en las filas de los esperantistas españoles.

Agradecemos a Hispana Esperanto Aŭroro y por su mediación a la O.N.C.E. el envío del opúsculo, a la vez que dedicamos un piadoso recuerdo y una oración al amigo desaparecido.

# SAN JUAN DE LA PEÑA

## (Sankta Johano de la Roko)

*Tradukis A. Salete*

Naskiĝo de patrio kiu etendis de tie la vojojn de sia libereco kaj sendependo. Kontemplindaj lokoj, kiuj hodiaŭ oni vizitas kun respekto, admiro kaj plezuro, pro tio kio reprezentas ilia historio, pro tio kion oferas ilia arto kaj pro tio kion regalas la nekomparebla pejzaĝo kie ili situas.

San Juan de la Peña estas aparta ĉapitro en ĉio kion la aragona tero oferas al la vojaĝanto. Je 16 kmj. de la franca landlimo, 30 de Jaca kaj 72 de Huesca, estas tiu angulo kie la animo ektimiĝas antaŭ la monumenteco de la naturo, kaj la spirito ĝojiĝas antaŭ la rigardado al tiu konstruaĵo de la XI[a] jarcento aŭtentika juvelo de la romanika stilo kaj kie ankoraŭ oni admiras specimenojn de la mozaraba, bizanca kaj gotika.



La granda monaĥa konstruaĵo de la suba parto kies volbo estas la kolosa ŝtonamaso de la montaro, situas en pejzaĝo unika, de densaj arbaroj kun la roko kiel tegmento; bizancaj arkoj, kun prilaboritaj kapiteloj; la salono de la Koncilio kaj pluraj kapeloj kun specimenoj de romanika murpentraĵo okupas la unuan etaĝon; en la supra parto, la granda tombaro de la nobeluloj, kun vico da tomboj kies arkoturnojn subtenas figuroj kaj ornamas interesaj reliefoj. La preĝejo de unu sola navo kaj tri absidoj, kaj maldekstre la aliro al la Reĝa Tombmonumento, riĉe dekoraciita kie ripozas la postrestaĵoj de la unuaj navaraj kaj aragonaj reĝoj. Flanke de la preĝejo, la klaŭstro kun mozaraba pordo por la aliro kaj konsistiganta la plej gravan kaj bone konservitan, romanikan nacian monumenton. Tre interesaj ĝiaj kapiteloj, ĉiuj reprezentas motivojn de la Antikva kaj Nova Testamento: historioj de Adamo kaj Eva, de la Baptisto, de la Naskiĝo, Pasio kaj Morto de Jesuo...

Sur la muroj funebraj enskriboj de la XII[a] kaj XV[a] jarcentoj, kaj en la sama klaŭstro, la allogaj kapeloj de Sankta Victorián kaj Sankta Voto el pompa gotika stilo.

Estas historio ke en ĉi tiu monaĥejo estis gardita la Sankta Grialo —la Ka-

liko de la lasta Vespermanĝo de Jesuo— hodiaŭ kultadorita en la katedralo de Valencia.

La moderna monaĥejo situas en la parto de la monto sur la sama ŝoseo kiu kondukas al San Juan de la Peña. Estas tre interesa la baroka pordo, kaj ĝi oferas al la vojaĝanto, konfortan restadejon kie oni povas atingi korpan ripozon kaj neesprimeblajn spiritajn kontentigojn.

Malsupre la rememoro de maljuna kaj glora historio kaj la intereso de arto senkompare bela; supre sur la granda ebenaĵo de Pano, la «balkono de Hispanio» de kie oni rigardas la plej surprizigan vidon de nia Pirineo de unu ekstremo al la alia. Grandegaj montaroj, profundaj valoj, sennombraj arbaroj, ĉiamaj neĝoj... Ĉio kion animo kaj korpo bezonas por ĝui la brilbelecon de la donaco kiun la Providenco faris al ni.



## NEKROLOGOJ

La emerita kolonelo Jozefo Santiago Molina mortis en Valencio la 10-an de Majo de 1967a.

Malnova esperantisto, li gvidis kurson en 1930a en la Esperanto Grupo Valencio, kaj inicis min pri la lernado de la zamenhofa lingvo. La afabla, kaj simpatia, kaj serioza forpasinto kaj mi baldaŭ amikiĝis, kaj ekde la unua momento, profesie, mi vizitis lin kaj liajn familianojn, kaj plie la familioj Santiago kaj Tudela profunde reciprokis amikecon kaj estimon.

Antaŭ la milito, aktive li kunlaboris dum la florantaj tagoj de la Grupo. Post la konflikto, li tute sin dediĉis al lernado de la rusa lingvo, kaj lia agado en la esperanta kampo malpliiĝis, sed neniam li forlasis la movadon, kaj lian membrecon oni enlistigis en H.E.F. ĝis la lasta momento.

Fortika, kaj robusta, kaj sana viro 70 jaraĝa, la 2-an de Marto, li ĉeestis la geedziĝon Moya-Tudela, kaj kune kun D-roj, Sancho Izquierdo kaj Herrero, kaj aliaj samideanoj, li subskribis la koncernan akton.

Goje li partoprenis en la festoj de S. Jozefo, kaj festis la 70-an naskiĝtagon, sed, en la unuaj tagoj de Aprilo, gravega hepata malsano trafis lin, kaj rapide ĝi detruis la fortoplenan organismon.

Ripozu pace!

*E. Tudela*

# MIA PARADIZO

Okazis januaro, dum vesperiĝkvieto
En mia ĉambro sola, apud mia forneto,
en la varmeto milda, ŝatata de la kor',
dum daŭre kaj senhalte faladas la neĝeroj.
Antikvan bildon tiun, kvazaŭ nuntempa vero,
Revivas la memor'

Mia bonvola Patro, iam iom dubblankhara,
revenis ĵus al hejmo post kafo amikara
kaj priparolas iom la urbnovaĵojn, dum
mia Patrino bona flankmetas manlaboron
kaj kun ridet' aŭskultas per amoplena koro...
Kaj malrapide kreskas la dolĉa noktmallum'

Mi estas dorlotata knabino malaktiva,
malica kaj, samtempe per paradoks', naiva
al kiu la Tri Reĝoj alvenas kun donac';
sed knaba okulparo alfiksis al la mia
kaj pro la ora dorno de l' Venusido dia
forflugis jam por ĉiam la infandorma pac'

Mi morgaŭ iros nepre muzikakademien,
fidela servistino min akompanos tien
—Ne decas iri sola al juna etburĝin?—
sed tia mallibero kutime ne min ĝenas...
Ĉiam por ludi —ĵaŭde— kaj babiladi venas
ĉe mi la amikino ŝatata plej, Julinj',

........................................
........................................

Kiam dum la laboro aŭ la ripoz' mi revas
pri Paradiz' ĉi tiu malnova scen' sin levas
antaŭ okuloj miaj per ne direbla mild'
kaj rememor' de tago ident' al tag' alia
de, nur nun komprenata, viv' sankte familia
al mia mens' aperas kvazaŭ pentrita bild'

Kiam mi revas tiel, mi tute ne komprenas
ĉu mi piece preĝas, ĉu male mi blasfemas;
sed ĉiel min pardonu eterna la Piec'!
ĉar post la mort' proksima al mi plej estus kara
la revivad' nur kiel knabino deksesjara
dum tuta l' Eternec'

*A. Núñez Dubús*

## *ESPERANTO-GRUPO «FIDO KAJ ESPERO» — Valladolid*

La 12-an de Februaro en sia nova sidejo de str. Angustias n.° 47/2.ª, la loka Esperanto-societo okazigis Ĝeneralan Kunvenon. Oni prezentis al la geanoj de la Grupo, la faritan laboron kaj kontojn de la pasinta jaro 1966. Malgraŭ la diversaj malfacilaĵoj kiujn ni devisvenki la rezulto de la laboro estis kontentiga, same kiel la financa stato de la Grupo.

Raportoj pri la ĉefaj eventoj de la loka esperantista movado aperis siatempe en BOLETIN.

Dum la kunsido oni elektis jenan estraron:
PREZIDANTO: Gonzalo Castañón.
VICPREZIDANTO: Antonio Gamboa kaj Sánchez.
SEKRETARIO: Luis Hernández.
VICSEKRETARIINO: M.ª Rafaela Urueña.
BIBLIOTEKISTO: Jacinto Urueña.
KONTISTO: Francisco Castañón.
KASISTINO: Concepción Rodríguez.
VOĈDONANTINO: M.ª José Zalama.
VOĈDONANTO: Amador Crespo.
VOĈDONANTO: Angel Casas.

La Prezidanto prezentis la programon por la kuranta jaro. Inter la agadoj entreprenitaj kaj entreprenotaj de la Grupo, elstaras, krom la okazigo de kursoj de la Internacia Lingvo, la organizado de ekskursoj al diversaj urboj kaj regionoj, prezentado de kulturfilmoj, k.t.p.

Vide al la Universala Kongreso okazonta en Madrid, oni organizis perfektigajn kursojn de Esperanto kaj rekomendis al ĉiuj, la konstantan uzadon de la lingvo. Kun ĉi tiu celo en nia sidejo ĉiujn ĵaŭdojn oni parolas nur Esperanton.

Dum la kunsido oni pritraktis ankaŭ la ĉeeston al la 28ª Hispana Kongreso de Esperanto okazonta en la bela urbo Zaragoza, sidejo de nia Federacio.

Ni kore akceptos la viziton de geesperantistoj el aliaj urboj.

*L. Hernández*

---

## *SANTANDER*

La 25-an de februaro, en la Ateneo de Santander, Rev. Moŝto Adrián Zulueta S. J., profesoro de la Pontifica Universitato de Comillas kaj de Loyola, prelegis pri La Problemo de la Internacia Lingvo.

La publiko kiu plenigis la salonon interese aŭskultis la disertacion de nia altestimata samideano kiu je la fino afable respondis demandojn kaj klarigis diversajn punktojn de la temo.

Varma aplaŭdado premiis lian disertacion.

Radiostacio de Santander kaj ĵurnalo ALERTA anoncis kaj raportis la eventon.

*KUKOLO*

---

## *ESPERANTISTA SOCIETO DE TENERIFO*

En la fino de la jaro oni elektis, kiel kutime, la duonon de la Estraro, kiu konsistas nun el la jenaj personoj:

*Prezidanto*: S-ro. Manuel MANTECA LOPEZ
*Sekretario*: S-ro. Antonio FERRER HERVAS
*Trezoristo*: S-ro. Angel POMBROL. HERNANDEZ
*Bibliotekisto*: S-ro. Antonio BENITEZ HERNANDEZ
*Voĉdonantoj* 1.ª: S-ro. Juan REGULO PEREZ
2.ª: S-ro. Ramón RODRIGUEZ PEÑA
3.ª: S-ro. Manuel LUIS DORTA
4.ª: S-ro. José PALMERO PEREZ



*INTERNACIA EKSPOZICIO DE MURKALENDAROJ*

Parto de la Ekspozicio ke Esperantista Grupo de «ATENEO JOVELLANOS» de Gijón (Asturias), prezentis dum la monato Marto.

La ekspozicio ja interesa estis dividita en sekcioj: Esperanta, eksterlanda, nacia kaj loka. Eble ĝi estis la unua kalendara ekspozicio okazigita en la mondo. Ĝi estis la unua aranĝo organizita de la esperantistoj el Gijón por omaĝi dum tiu ĉi jaro la Majstron okaze de la 50ª datreveno de lia forpaso.

Estis prezentitaj 600 diversaj kalendaroj el la tuta mondo, multaj el ili veraj juveloj, belege presitaj. Kvankam la ekspozicio estis anoncita de murkalendaroj, oni prezentis ankaŭ kalendarojn por tablo kaj poŝo, ĉar el ĉiuj klasoj da kalendaroj estis senditaj al ni el la tuta mondo. Ĉi-grupo deziras publike esprimi sia dankemon al ĉiuj hispanaj Esperanto-Grupoj kaj ankaŭ al la individuaj kunlaborantoj pro ilia sindona helpo. Sed tamen, ni antaŭ ĉio, varmege deziras esprimi nian emocion antaŭ la amasa kunlaboro de la esperantistoj el la tuta mondo.

La ekspozicio kiun vizitis 20.000 personoj, vekis grandan intereson pri Esperanto, kaj la Grupo tuj devis komenci novan Esperanto-kurson por 30 gelernantoj. Do, bona perspektivo por la esperantista movado en Gijón antaŭ la U. K. okazonta en Madrid venontjare.

Por praktike esprimi nian dankemon al ĉiuj gekunlaborantoj, ĉi E-grupo sendis rememoraĵon el Gijón, kiel ĝi promesis.

*J. Ordieres*

## *GRUPO ESPERANTISTA DE SABADELL*

La Esperanto-Klubo de Sabadell okazigis kun granda sukceso, en la 4ª de februaro, sian tradician balon, kiun vizitis kiel gasto, S-ro. Ján Lamacka, ĉeĥoslovaka esperantisto. Dum refreŝiga paŭzo, ĉiujn gepartoprenantojn agrable surprizis la harmoniaj sonoj de belaj kanzonoj en Esperanto, kiujn majstre kantis, akompanante sin per propra gitaro, la juna studento Sabadell-a, S-ro. José Figueras, nun loĝanta en la najbara urbeto Matadepera (Barcelona).

*Raportis VELUS*



Sur la foto, samideano Figueras kun sia gitaro kantante

---

## ✳ *Ni legis por vi...*

*TAGKAJERO EN PRIZONO.* Poemaro de Ho Chi Minh. Tradukis Dao Anh Kha. Fremdlingva Eldonejo. Hanojo 1966ª. 108 paĝoj.

La aŭtoro, estro de la plej aktuala kaj plej suferanta popolo, montriĝas per siaj poemetoj posedanto de forta spirito. Kiu, vivaĉante longe, longe en malliberejoj kun la kutimaj skabio, cimoj, frosto, malsato, soifo, severeco, pedikojn kaj nenio bona, havus la laŭdindan humoron verki tagofine sian poemeton, nur kvarversan, mildan, simplan pri la taga notindaĵo, aŭ pensi iom filozofe pli profunde? Vidu:

«Suferas la rizgreno sub la bato riz-[pistila
Sed pasis la elprovo, miros vi pro [l' blanko brila!
Similaj estas homestaĵoj en ĉi-monda [vivo
Por iĝi hom' necesas la pistil' de mal-[feliĉo.»

La sinsekvaj poemetoj konigas la homon kaj rakontas parton de lia vivo. La traduko estas klara; sed estas videble ke la tradukinto devis forte streĉi la kordon por harmoniigi la rimojn!

Estas notindaj du interjekcioj: Ua...! ua...! ua! uaa!, por esprimi ploron de bubo. kaj: fing, fing, fing... (pluveto vibradas); sed ne ŝajnas necesa tiu *pa, li elveture saltis*, ĉar en Plena Vortaro ni jam havas *Hop*! por invito al salto.

*Salvador Gumá*

*VOJAĜU KUN ĜOJO PER NORVEGA ŜTATA FERVOJO*

Kun tiu titolo ni ricevis novan falditan plurkoloran broŝuron, ja interesa kaj bele prezentata.

Krom la teksto en korekta Esperanto, kompleta mapo de la lando kaj allogaj fotoj. En ĉi tiu jaro de Internacia Turismo, pensigas nin pri la vizito al tiu interesa lando.

La Norvegaj Ŝtatfervojoj afable sendis al ni plurajn ekzemplerojn por ke ni disdonu ilin inter la partoprenantoj de nia Hispana Esperanto Kongreso.

Ni dankas kaj kore reciprokas la amikajn salutojn de la Norvegaj Ŝtatfervojoj.

SENNACIECA REVUO. — Nova Serio, n.º 95. Jaro 1967. Eldonis kaj redaktis S. A. T., Avenue Gambeta, París 20. Prezo: 0,90 dolaroj aŭ egalvaloro.

NORDVJETNAMAJ KROKIZOJ. — Bildlibro trilingve eldonita de Fremdlingva Eldonejo. Prezo ne indikita.

KOLEKTANTO. — Oficiala bulteno de I. L. E. K. N.º 1. Jaro I. Eldonas: Bulgara Esperantista Asocio. Sekcio: «Internacia Ligo de Esperantistoj Kolektantoj», Sofía 13, bulv. Lenín 83/107-A. Bulgarujo.

XXXV foiro de BARCELONO

1-15 junio 1967

**noticia de última hora**

**«ROTTERDAM ANSTATAŬ TEL-AVIV»**

Con este título hemos recibido la noticia de que en vista de la trágica evolución de los acontecimientos en el Oriente Medio, la Directiva de U.E.A. ha acordado que, el 52 CONGRESO UNIVERSAL DE ESPERANTO, se celebre en Rotterdam (Holanda), del 2 al 9 de agosto de 1967, o sea, durante los mismos días en que debía celebrarse en Tel-Aviv.

Dadas las extraordinarias circunstancias, la Directiva de U.E.A., ha decidido que las condiciones favorables en cuanto a cotización que rigieron en el período de inscripción hasta 31 de marzo, continuen hasta 15 de julio: Miembro abonado a U.E.A., 57 gld., para miembro no abonado la cotización es de 77 gld.

La Directiva de H.E.F., de acuerdo con «VIAJES MELIÁ», está organizando caravana a Rotterdam, para asistir al Congreso, y de este modo manifestar su adhesión a U.E.A.

La caravana saldra de Barcelona el 31 de julio de 1967.

**Zaragoza, 8 de junio de 1967**

Denove la Oficiala kaj Internacia Specimen - Foiro de Barcelona eldonis afiŝon en Esperanto.

Ni dankas al la Direkcio de ĉi tiu grava Foirkonkurso lian kunlaboron favore al la Internacia Lingvo.

INTERNACIAJ FERIAJ KURSOJ
Helsingr, Danlando
23. - 30. julio 1967

AŬTUNAJ FERIAJ KURSOJ
Aarhus, Danlando
15. - 21. de oktobro 1967

Informoj:
S-ro. L. FRIIS
Ingemannsvej 9
Aabyhj
Danlando

## Donativos para Boletín

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| *Suma anterior* ... ... ... ... ... ... | | 966 | | | | |
| Un samideano ... ... | | 850 | F. V. Mathias ... ... | | Sologni, Francia . | 20 |
| C. Oialla ... ... ... ... | Bilbao ... ... ... | 50 | A. Bohigas ... ... ... ... | | Barcelona . ... ... | 25 |
| J. Lerroux ... ... ... ... | Barcelona . ... ... | 50 | A. Roca ... ... ... ... | | Barcelona . ... ... | 25 |
| F. Enfedaque ... ... ... | Madrid ... ... ... | 72 | D. Brugués ... ... ... ... | | Barcelona . ... ... | 25 |
| J. Martínez ... ... ... | Bitem - Tortosa ... | 50 | R. Roca ... ... ... ... | | Barcelona . ... ... | 25 |
| A. García ... ... ... ... | Bilbao ... ... ... | 50 | STELO DE PACO . ... | | Barcelona ... ... | 50 |
| L. P. Bárcena ... ... | Bilbao ... ... ... | 100 | E. Hurtado ... ... ... | | Valencia ... ... ... | 100 |
| L. Argente ... ... ... ... | Madrid ... ... ... | 100 | P. Nuez ... ... ... ... | | Barcelona ... ... | 50 |
| A. Costa ... ... ... ... | San Mateo (Ibiza) | 25 | J. Ventura ... ... ... ... | | Tarrasa ... ... ... | 50 |
| A. Asensi ... ... ... ... | El Palmar ... ... | 40 | E. Maynar ... ... ... ... | | Zaragoza ... ... ... | 80 |
| S. Oliván ... ... ... ... | Vigo ... ... ... ... | 150 | D. Cebollero ... ... ... | | Zaragoza ... ... ... | 50 |
| M. Esteban ... ... ... ... | Zuera ... ... ... ... | 10 | M. Solá ... ... ... ... | | Tarrasa ... ... ... | 50 |
| C. Ezquerra ... ... ... | Barcelona . ... ... | 150 | R. Lecat ... ... ... ... | | Antwerpen. Bélg. | 50 |
| F. Mezquida ... ... ... | Denia ... ... ... ... | 50 | R. Herrero ... ... ... ... | | Valencia ... ... ... | 190 |
| G. Flores ... ... ... ... | Madrid ... ... ... | 160 | J. A. Sierra ... ... ... | | Beniarbeig ... ... | 50 |






# XXVIIIª Hispana Kongreso de Esperanto

Organizita de H. E. F: okazonta en Zaragoza
de la 18ª ĝis la 23ª de Julio 1967ª

*Akceptejo - Kongresejo:*

Placo Paraiso 1
Medicina Fakultato
Zaragoza

*PROVIZORA PROGRAMO*

| | | | |
|---|---|---|---|
| 18ª julio je la | 17ª | horo: | Malfermo de la Akceptejo<br>Malfermo de Libroservo |
| | 22,30ª | » | Interkona vespero |
| 19ª julio je la | 10,30ª | » | Sankta Meso |
| | 12,30ª | » | Solena Malfermo de la Kongreso<br>Malfermo de la Ekspozicio |
| | 16ª | » | Fakaj kunvenoj: Laborkunsido de HEJS, Fervojistoj, Blinduloj, filatelistoj, ktp.<br>Kunveno de LKK de la 53ª Universala Kongreso de Esperanto |
| | 17,30ª | » | Ĝenerala Kunveno de K.E.H.A. |
| | 19,30ª | » | Prelego en Esperanto |
| | 22,30ª | » | Gaja Kunveno |
| 20ª julio je la | 10ª | » | Turista perbusa irado tra la urbo |
| | 13ª | » | Akcepto en la Urbodomo |
| | 17ª | » | Laborkunsido de la Estraro de H. E. F. kun Grupdelegitoj |
| | 18ª | » | Junulara Oratora Konkurso en Esperanto |
| | 19,30ª | » | Koncerto |
| 21ª julio je la | 7,30ª | » | Tuttaga ekskurso al San Juan de la Peña (Huesca) |
| 22ª julio je la | 10ª | » | Turisma perbusa irado tra la urbo |
| | 12,30ª | » | Inaŭguro de Publika Biblioteko MIGUEL SANCHO IZQUIERDO en Parko Pignatelli |
| | 16ª | » | Ekzamenoj |
| | 17,30ª | » | Ĝenerala Kunveno de H. E. F. |
| | 19,30ª | » | Prelego en hispana lingvo |
| | 22,30ª | » | Bankedo |
| 23ª julio je la | 12,30ª | » | Solena Fermo de la Kongreso<br>Ĝenerala foto |

*Ĉijaraj prelegontoj: En Esperanto D-ro. Juan Régulo Pérez,*
*en hispana Rv. P. Adrián Zulueta, S. J.,*
*Predikos Rv. P. Manuel Casanoves CMF.*

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z-375-63